


BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a, pordo 5
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# ENHAVO



Foto: Ansel Adams: The Mural Project 1941-1942 - In Saguaro National Monument - Arizona

# SALUTON!

## Novaj sekcioj, de Eduardo Alonso

Karaj geamikoj

Dum la unua duono de julio ni daŭrigis niajn virtualajn renkontiĝojn per Zoom, kiuj estas nune suspenditaj pro la somera paŭzo.

En ĉi tiu numero ni komencas novan serion de artikoloj pri **La Fotografio**, en kiuj ni revizios la bazajn konojn de ĉi tiu arto, kiuj helpos nin fari bonajn fotojn.

Ni ankaŭ komencas serion dediĉitan al **Fotisto de la Monato**, kie ni prezentos la plej gravajn fotistojn en la historio de la fotografio kaj kiun ĉi-monate ni dediĉas al **Ansel Adams**.

Ni daŭrigas niajn kutimajn sekciojn: **Angulo de la Esperantista Ŝak-Ludanto**, kaj la kvara transdono de **Kvaranteno**.

Kaj ni havas alian novaĵon, la **Esperantista Biblioteko**, ĉe kiu ni intencas konigi la malgrandajn (aŭ grandajn) esperantistajn bibliotekojn de aliaj samideanoj, por kiuj ni bezonas vian kunlaboron.

Feliĉajn festojn kaj bonan legadon.

Afablajn salutojn

Eduardo Alonso

# LA FOTOGRAFIO - 1

## de Eduardo Alonso

### 1. Enkonduko

Ĉi-monate ni komencas novan serion de artikoloj kun la intenco doni iujn bazajn nociojn pri fotado, kiuj permesas plibonigi la teknikon por preni bonajn fotojn.

Por ĉi tio vi nur bezonas fotilon kaj praktiki, praktiki kaj praktiki.

Mi kuraĝigas vin ĉiujn preni vian plej ŝatatan homon, beston, planton aŭ aĵon kaj provi ĉiujn el la aferoj, kiujn mi komentos. Prenu fotojn, multajn fotojn. Sed tiam ne montru ilin ĉiujn. Vi devas elekti la plej bonan, aŭ la du plej bonajn de ĉiu seanco, ni ne ĝenu la personaron. Kaj tiuj, kiuj ne konvinkas vin, forviŝu ilin kaj faru ilin denove. Se vi emas elteni senkompatan kritikon, vi povas sendi al mi vian plej bonan foton de ĉiu monato.



## 2. Pri fotografio

Fotografio estas arto, la arto verki per lumo, laŭ sia greka etimologio. Foti estas tre facila, en la plej multaj kazoj sufiĉas premi butonon.

Preni bonan foton ne malfacilas, ĝi nur bezonas iom da teknikaj scioj kaj iom da planado.

Por akiri bonan foton, vi bezonos tri aferojn:

- Ke la foto rakontu ion interesan
- Rakontu ĝin en alloga maniero
- Ke ne ekzistas teknikaj eraroj

La unua afero estas lerni rigardi, observi ĉion ĉirkaŭ ni. Beleco troveblas en la plej neatenditaj objektoj. Rigardado de bildoj povas helpi por ĉi tio. Ni loĝas ĉirkaŭataj de bildoj, vi nur devas atenti ilin kaj pripensi kiel oni farigis.

Poste vi devas lerni la teknikon. Ekkonu la fotilon kaj ĝiajn kontrolojn. Kaj fine, vi devas lerni rakonti aferojn en maniero, kio faras klare tion, kion ni volas esprimi. Ĉi tiu lasta parto estas la plej malfacila, kvankam ĉiuj tri estas lernataj sammaniere per praktikado.




Por fari bonan foton, unue vi devas elekti temon, ĝi povas esti pejzaĝo, floro, portreto, memportreto, muta naturo, ktp. La temoj estas senfinaj.

Poste vi devas analizi la kondiĉojn (lumo, movo, distanco, ktp) kaj pensi pri kiel vi volas la foton kaj kion vi volas rakonti per ĝi. Du faktoroj influas la manieron rakonti aferojn, la vidpunkton kaj la kadron.

Fine antaŭ ol pafi, vi devas ĝustigi la fotilon al la ekzistantaj kondiĉoj. Ĉi tiu parto estas la plej grava parto de la tuta proceduro.

Estas tri trajtoj, al kiuj devas esti speciala atento:

- ekspozicio (por doni al la fotoj la ĝustan luman nivelon),
- fokuso (por eviti neklarajn fotojn)
- kaj eblaj movadoj (por eviti neklarajn fotojn).

Kaj nun ni nur devas elekti la formaton (horizontala aŭ vertikala), elekti la vidpunkton, kadri kaj pafi.

Ŝajnas malfacila, sed kun iom da praktiko, ĉi tiu tuta proceduro estas farita instinkte kaj daŭras kelkajn sekundojn.

Post pafi vi devas analizi la foton, korekti eventualajn erarojn kaj repafi. Kaj ripetu ĉi tion ĉiam kaj ĝis la foto estos ĝuste tio, kion vi celis.

Kutime oni rekomendas fari almenaŭ du aŭ tri fotojn kun malgrandaj variaĵoj, kvankam eble unue necesas preni kelkajn pliajn.

Bonŝance, cifereca fotado estas senpaga kaj permesas al ni preni tiom da pafoj kiom ni bezonas. Kun la malnova analoga fotado, vi devis atendi riveli la fotojn por vidi la rezulton, kio ne ĉiam estis tuja (nek senpaga). (daŭros)



# FOTISTO DE LA MONATO - 1

## Ansel Adams, de Eduardo Alonso

Ansel Adams (1902 - 1984) estis usona fotisto, naskiĝinta en San-Francisko, disvolviginto de la zonsistemo.

Konata pro liaj fotoj blank-nigraj pri pejzaĝoj de la nacia parko Yosemite en Usono (inter aliaj pejzaĝoj) kaj kiel aŭtoro de multaj libroj pro fotado kiel la manlibra trilogio pri teknika instruado. Li fondis la fotografian asocion Grupo f/64 kune kun Edward Weston, Willard Van Dyke, Imogen Cunningham kaj aliaj.



*Ansel Adams: Montaroj Tetonoj kaj la rivero Snake (Serpento)*

# ANGULO DE LA ESPERANTISTA ŜAK-LUDANTO

## de Elías Hernández Capdevila

Last-monate, tiel kiel jam aperas en multaj bultenoj pri SUDOKUOJ, KRUC-VORTOJ..., ni komencis ĉiu-monatan artikolon pri kvar facilaj ŝak-matoj, atingitaj per nur unu movo de blanka peco. Tiu ŝak-mato povus esti atingita per iu ajn peco, do, per **damo**, **turo**, **kuriero**, **ĉevalo** aŭ **peono**. Kompreneble, mi montras ankaŭ la solvon ĉe ĉiu ŝak-mato. Bonvolu provi ne rigardi la solvon ĝis post paro da minutetoj ...

Por faciligi al vi tiun taskon, mi ripetas necesan klarigon, pri la ĉefaj menciindaj ideoj pri tiu mirinda sporto-scienco:

La ŝak-tabulo aspektas tiel, kun pecoj (maldekstre) kaj sen ili:







Jen la diversaj pecoj. La pecoj moviĝas kaj samtempe ekkaptas tiel:

- **reĝo**: po unu ĉelo ĉiu-foje, en libervola direkto (vertikale, horizontale aŭ diagonale)

Reĝo (R)
Damo (D)
Turo (T)
Kuriero (K)
Ĉevalo (Ĉ)
Peono

- **turo**: laŭlonge de vicoj kaj kolumnoj (ĉe ŝak-lukto ĉiu kolono nomiĝas kolumno)

- **kuriero**: laŭlonge de la diagonaloj

- **damo**: laŭlonge de vicoj, kolumnoj kaj diagonaloj. Oni povas diri ke tiu peco kapablas agi kiel turo kaj kiel kuriero, samtempe. Sed atentu: la damo ne povas agi kiel la ĉevalo

- **ĉevalo**: per saltoj laŭ la litero L (du ĉeloj rekten kaj unu flanken, aŭ unu ĉelo rekten kaj du flanken). Ĝi povas transalti kaj siajn proprajn pecojn kaj la pecojn de la alia ludanto

- **peono**: je unu ĉelo antaŭen, se tiu ĉi ĉelo estas vaka aŭ malplena (se la peono estas ankoraŭ en la baza pozicio, ĝi povas transmoviĝi je du ĉeloj antaŭen, se ambaŭ ĉeloj estas vakaj aŭ malplenaj). Plie ĝi povas preni aŭ ekkapti pecon de la alia ludanto, kiu estas sur diagonale najbara ĉelo staranta antaŭ la peono

Kaj jen niaj kvar ĉi-monataj ŝak-matoj (rememoru: oni povas atingi ĉiun ŝak-maton per nur unu movo de blanka peco).

Kvankam vi ne konvinkiĝos, ludi ŝak-ludon, aŭ almenaŭ provi solvi malgrandajn problemetojn, kiel tiujn kiujn mi montras al vi, estas eksterordinara ekzerco por via menso kaj por via kapablo koncentriĝi:

Havu kuraĝon, kaj provu solvi la kvar problemetojn!




***SOLVO***: movu la blankan damon ĝis *a3*. La nigra reĝo ne povas forfuĝi ĉar la blanka ĉevalo kontrolas la ĉelon *e8* kaj la blanka kuriero kontrolas la aliajn eblajn fuĝeblajn ĉelojn *d6* kaj *f6*... Kaj, kompreneble, nenia nigra peco povas blokigi la atakon de la blanka damo




***SOLVO***: movu la blankan turon de *b7* ĝis *b8*. Nun la nigra reĝo havas nenian fuĝeblan ĉelon tra kiu ĝi povus forpuŝi la atakon de la turo. La kuriero ĉe la ĉelo *h4* kontrolas la eblan fuĝeblan ĉelon *e7*




***SOLVO***: ĉi-tie, la nigra reĝo havas nenian alian ĉelon al kiu transiri, oni nur bezonas alian blankan pecon kiu povus ataki tiun malfeliĉan reĝon, kaj oni trovas ... la blankan ĉevalon, kiu transirante ĝis f8 aŭ ĝis *f6* ŝak-matos la nigran monarĥon ...




***SOLVO***: movu la blankan turon ĝis *e7.* La nigra reĝo ne povas ekkapti tiun turon, ĉar la blanka ĉevalo ĉe *f5* kontrolas tiun ĉelon. Kaj plie, la ĉelo *d6* estas kontrolita de la sama ĉevalo, la ĉelo *d5* estas kontrolita de la peono kaj la ĉelo *e5* estas kontrolita de la ĉevalo ĉe *d3* kaj post la movo de la turo ankaŭ de tiu sama turo ...

Elías Hernández Capdevila

# KVARANTENO – 4

## de Dennis Keefe

**Kvaranteno, Tago 22**

Lumo ĉe la fino de la tunelo.  Aŭdis en la radio, vidis en la televido, legis en la ĵurnalo,  ke iam oni povos sperti duonkvarantenon, piedirante sole, elirante kun infanoj, ktp.  Eble en majo.

Nun mi promenadas en mia loĝejo mem, farante ĉiutage inter 10,000 kaj 11,000 paŝoj. Tien reen, tien reen, tien reen.  En la fruaj tagoj de la kvaranteno antaŭ tri semajnoj mi faris inter nur 1,000 kaj 2,000 paŝoj.  Tro malmulte por la sano!




Mi enuiĝus marŝante tiujn 10,000 paŝojn, ok kilometrojn, sed mi piediras aŭskultante ion - ne muzikon, sed vortojn: radion, rakontojn, romanojn. Hodiaŭ, krom novaĵoj pri la kronviruso, estis interesa programo pri Menendez y Pidal.

Mi scias nenion pri la fama kartludo nomata briĝo, do mi preparis 5-minutan prezentadon por la babilrondo.  Mi ŝatas ekkoni nekonatajn de mi temojn. Estas 7-paĝa en esperanta artikolo pri briĝo en Vikipedio.  Pepe parolis pri sia 20-taga vojaĝo tra Eŭropo en la jaro 1972.  Elias prezentis proverbojn, sed ne restis ĉefine tempo por Eduardo hodiaŭ.

**Kvaranteno, Tago 23**

Mi vidis -- ĉu pro hazardo, ĉu pro alia kialo -- multe pli da homoj ekstere, plaĝkvartale hodiaŭ. Unu biciklis, unu laŭtege parolis, pluraj promenigis hundojn, alia eĉ demetis la ŝuojn kaj marŝis rekte al la marbordo, metante siajn piedojn en la akvon.



Mi enviis ilin, kaj samtempe sekrete volis, ke la policistoj venu kaj monpunu ilin. Sed tiel mi ne devas pensi. Ne decaj pensoj tiaj. Lasu al ili libere vivi. Ne ĝenu la vivojn de aliaj (kaj eble lasu al la policistoj libere monpuni).

Dum la babilrondo, Eduardo parolis pri esperanta aplikaĵo por ludo pri vortoj, kiu similas Skrablon. Mi parolis pri la vasta kolekto de podkastoj de Esperanta Retradio, kaj mi lautlegis unu el ili de la lasta monato pri kiel okupiĝi dum la kvaranteno. Elias, Pepe, kaj Rosa ankaŭ partoprenis.

Mi ekzercis min aŭskultante la germanan libron Momo. Morgaŭ mi finos ĝin.

**Kvaranteno, Tago 24**

Se hieraŭ estis la tago de aŭdacaj homoj revenantaj por promeni en Cullera kvazaŭ la kronviruso forflugis al la luno, hodiaŭ estis la mateno de policistoj, civilaj gardistoj, kaj, nove, la armeo mem. Denove, fantomo-plaĝo kvazaŭ ĉiuj hundoj ferius en la Pikoj de Eŭropo.

En la babilrondo Pepe priskibis sian matenan aventuron en la superbazaro: enviciĝo kaj 30-minuta atendado. Elias kreis vortludon, inspirite de la hieraŭa

prezentado de Eduardo. Mi prezentis la Bitarkivo.org de Ivan. Eduardo siaflanke starigis babilejon en Zoom, kiun mi provos en venontaj tagoj.

Spektis la filmon LOS PEDIGÜEÑOS 😑 kaj LOS FURTIVOS 😀. Legis pri hispana poezio de la 20a jarcento.

**Kvaranteno, Tago 25**



Aerumis la loĝejon per la plaĝflankaj fenestroj matene, kaj per la montflankaj vespere. Tiel, ĉar mi volas utiligi la matenajn kaj vesperajn sunradiojn por varmigi la ĉambrojn.

Komencis lerni pri la verkoj de Stefan Zweig, aŭtoro el Vieno, kiu skribis en la unua duono de la 20a jarcento.

En la babilrondo ni komecis lerni kiel uzi ZOOM. Kelkaj sukcesis, kelkaj ne, do ni refoje utiligis Jitsi. Elias daŭrigis la ludon pri la divenado de sepliteraj vortoj per la helpo de tri literoj konsonantaj plus aldono de mallonga vortara signifo.

Mi prezentis la libron MOMO verkita de Michael Ende. Partoprenis ankaŭ Fernando, Eduardo, kaj Pepe.

**Kvaranteno, Tago 26**

Legis pli pri hispana poezio de la 20a jarcento. Tion faris por pli kaj pli bone kompreni literaturon ĝenerale, kaj tion por pli bone kompreni Kiĥoton. Ĉio -- moderna, antikva -- iel interrilatas.

Finis la libron de Stefan Zweig en la germana: Schachnovelle. Tute surprizis min, ĉar ĝi tre rilatas nian nuntempan kvarantenan problemon -- Kion fari kiam oni estas izolita longan tempon. Nepre devas paroli pri tiu libro en venonta babilrondo.



Ĉeestis la babilrondon hodiaŭ Eduardo, Elias, Pepe, kaj mi. Litero-ludo gvidata de Elias. Mi prezentis la grandan jutuban instruado-laboron de Carlos Herreras, emerita instruisto de EGB, kiu kreis 2009 lecionojn hispanlingve pri diversaj studfakoj: matematiko, gramatiko, fiziko, geografio, literaturo kaj similaj.

Cetere, dank' al la laboro de Eduardo, ni ĉiuj, spite al komencaj malfacilaĵoj, sukcese uzis ZOOM!

**Kvaranteno, Tago 27**

Hieraŭ vespere kiam mi ekkuŝis, mi sentis min iomete malbone. Mi bone dormis, sed kiam mi vekiĝis hodiaŭ matene, mi havis febron, iomete, kaj mi estis tre, tre laca.

Mi iris al la banĉambro, faris tion kion mi devas fari tie, kaj pro singardemo, mi ekprenis grandan, malplenan sitelon por meti ĝin apud la liton. Trafa decido!

Mi tuj bezonis tiun ujon, ĉar mi vomis tuj post kiam mi atingis mian liton. Mi havas temperaturo-mezurilon, do mi registradis mian korpo-varmecon dum la tago.

37.2 je la 10:30
37.6 je la 12:00
38.4 je la 15:00
38.3 je la 17:37
38.2 je la 19:20
37.9 je la 22:50
37.7 je la 23:50

Mi telefonos al la sano-servo se mi pli malboniĝos. Eble mi manĝis ion malbonan, kio povas okazi ĉar mi ne sukcesas aĉeti freŝajn manĝaĵojn (en superbazaro nur unufoje ĉiusemajne). Aŭ eble estas iu viruso, aŭ eĉ TIU viruso.



**Kvaranteno, Tago 28**

Ĉio bonas, kio ĉefine bonas. Mi resaniĝis, do mi ne havis TIUN viruson, kaj ĉu mia malsano devenis de iu viruso, de iu bakterio, aŭ de ia malica kemiaĵo ne

gravas, ĉar nun mi povas alfronti la kvarantenon normale kiel en la aliaj 27 tagoj.

Kvankam resana, mi ankoraŭ estis tro laca por bone koncentriĝi, tamen mi uzis unu horon por studi la geografion de la regiono de la rivero Duero. Belege.

Kaj mi partoprenis la babilrondon. Se vi antaŭe ĉeestis la meetjitsiajn kunvenojn, vi trovos la ZOOM-kunvenojn, pro teknikaj kialoj, pli altkvalitaj, malpli streĉaj, pli homaj kaj amikecaj (kvankam tiu retservo havas verŝajne problemojn rilate programo-piratojn "hackers").

En la babilrondo, Pepe prezentis libron kiun li iam legis: Gil Blas de Santillana. Eduardo prezentis du esperantajn retvortarojn: Prevo kaj Praktika Vortaro de Esperanto. Mi decidis paroli pri mia malsano, ne ĉar tion mi ŝatas, sed ĉar mi pensas, ke por bone regi lingvon estas oportune paroli pri ĉiaj temoj. Kaj lastparole hodiaŭ Elias kaptis nian atenton per vortludoj.

(daŭros)
Dennis Keefe



# ESPERANTISTA BIBLIOTEKO
## de Elías Hernández Capdevila

Ni komencas ĉiu-monatan tekstaĵon en kiu ni parolos pri libroj verkitaj PER, POR, PRI aŭ PRO Esperanto. Do, la temo de ĉi tiu bultenero estas ***Esperanto libroj***, ĉu tradukitaj ĉu verkitaj originale per nia mirinda lingvo. Kaj mi ŝatus komenci per aludo al mia Esperanto libraro, kiun mi gardas ĉe mi kiel plej ŝatinda trezorego. Fakte mi kolektas librojn -ĉu en papera versio, ĉu en pdf-a versio- ekde antaŭ multe da tempo, jam pli ol dek jaroj.

La celo de ĉi tiu bultenero estas ankaŭ kuraĝigi aliajn geesperantistojn montri siajn Esperanto-librarojn, revuojn, bultenojn, ktp. Vi nur devus kontakti nian ĉef-redaktoron, Eduardo, kaj sendi al li malgrandan tekstaĵon pri via Esperanto libraro, kune kun fotaĵo.

Kaj jen mia kolekto de libroj eldonitaj ĉe la eldonejo EPOKO, kiujn mi aĉetis en diversaj retaj paĝaroj (Mil anuncios, e-Bay, Amazon, Wallapop, Iberlibro, Re-read, Relibrea,...), dimanĉaj strat-merkatoj (ĉefe en Rastro de Valencia kaj Madrid), foiroj pri uzataj libroj (tiu kiu okazas dum la monato marto en Valencia), ktp.

Elías Hernández Capdevila



# LA PASINTECO
## La angla lingvo kaj Esperanto

Okaze de la komenco de miaj dumonataj Esperanto-kursoj, kaj dum la semado de nia nobla idealo, multfoje oni diris al mi:

"Neniam kaj neniel Esperanto povos konkuri kun la angla".

Estas sciate la kreskanta influo de la angla lingvo en la komerco, en la scienco, en la turismo kaj eĉ... en la verkokantoj produktitaj ĉiulande pere de tiu idiomo. Ni ne forgesas, ke ĝi estas deviga lernobjekto en la lernejoj kaj liceoj de multaj landoj. Ankaŭ ĉe ni, en Hispanio, amaso da gelernantoj lernas la anglan.

Kiu volas lerni fremdan lingvon klopodas akiri la ĉefajn kvar kapablojn: paroli, aŭdkompreni, skribi kaj legi kun kompreno» En la angla estas relative facilaj la skribado kaj legado; sed la parolado kaj aŭdado estas ege malfacila pro la prononcado. Sufiĉas, ke unu el la kvar kapabloj estu malfacile akirebla por fiaskigi la komencantojn. Ŝajnas preferinde komenci per facila idiomo la lernadon de fremdaj lingvoj por kuraĝigi ilin, kaj Esperanto estas la plej facila lingvo de la mondo. Ĝi estas romana lingvo; ĝia vorttrezoro estas romana. La ortografio estas fonetika. Oni parolas kiel oni skribas, oni skribas kiel oni parolas. Komparu kun ĉi tio, ke en la angla oni devas duoble lerni ĉiun vorton: unue, la ortografion, poste, la prononcon.

La angla, same kiel multaj el la nomataj naturaj lingvoj (franca, germana, rusa, araba) havas multajn morfemojn, kun pluraj alomorfoj. Ni ne forgesu, ke ju pli da alomorfoj des pli malfacileco en la lernado.

Laŭ enketo farita, ne al la gelernantoj, sed inter mezlernejaj profesoroj pri la scipovo de la angla, tre malmulte de ili deklaris sin kapablaj legi kaj paroli ĝin.

Laŭokaze mi reliefigis, ke la angla estas nacia idiomo, kaj tial ĝi ne plenumas gaje tiun rolon de internacieco. Se tiu ĉi idiomo estus la ĝusta solvo kiel lingvo internacia, kiel klarigi, ke en Usono progresas la Esperantista movado kaj en Britio okazis la plej alta nombro de Universalaj Kongresoj de Esperanto?. En la Brita Parlamento estas pli ol 120 membroj, el malsamaj politikaj partioj, kiuj

favoras al Esperanto. La angla neniam povas esti, laŭ mia opinio, vere internacia, ĉar por alproksimigi la homojn al ĝi mankas kion neniam povos havi: la neŭtralecon.

Kiel ĉiuj aliaj naciaj lingvoj, la angla estas elitema, ĉar ĝia lernado, sukcesa lernado, apartenas nur al la havantoj da tempo kaj mono. Kontraŭe, Esperanto, kiun oni instruas senpage, pro ĝia logiko kaj simpleco postulas nur malmulte de la tempo bezonata en la lernado de la angla lingvo.

La novaj ŝtatoj en Afriko komprenis, ke la lingva kaj kultura dependeco de siaj iamaj koloniaj metropoloj estas precipe danĝera minaco en la konstruaĵo de sia sendependeco. Inter aliaj, Kenjo abolis la anglan. La bazo de ĉiu sendependo estas la nacia lingvo.

Esperanto (nenies kaj ĉies propraĵo) protektas la naciajn idiomojn kaj donas al la homaro la eblon interkompreniĝi, la veran solvon de la lingvistika ĥaosa problemo, la malaperon de la idiomaj diskriminacioj kaj ebligus pli ĝuste konservi egalan rajtecon inter ĉiuj etnaj lingvoj. La logiko kaj strukturo de Esperanto ege helpas nin en la lernado de naciaj idiomoj.

Fine, estas pruvite, ke kiu unue lernis Esperanton kaj poste (aŭ samtempe) la anglan, atingas la celon pli frue ol kiu lernis la anglan. Plie, la unua havas la avantaĝon scipovi ne unu lingvon, sed du: Esperanto kaj la anglan.

F. Navarro




Valencia Luno— Dua epoko — Numero 8 — Decembro 1983

# LA ESTONTECO

## Kiam, kie, kio okazos?




Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj

http://www.eventoj.hu/

Kiam, kie, kio okazos? La Internacia Kalendaro listigas ĉiujn publikajn kaj konatajn Esperanto-aranĝojn, renkontiĝojn, festivalojn kaj kongresojn, kiuj bonvenigas viziton de vojaĝemaj esperantistoj.




15 - 21. aŭgusto
22-a internacia renkontiĝo de Esperanto - **prokrastita al 2021** - en Pluezek, Francio. Ĉiutaga programo: - Lernado aŭ trejnado pri Esperanto: kursoj okazos matene de la 9-a ĝis la 12-a. - Turismado kaj marbanado: de la 14-a ĝis la 17:30, eblos malkovri la regionon aŭ sole aŭ akompanate de ĉiĉeronoj. - Kromkursoj: de 17:30 ĝis 18:45, gviditaj de instruistoj aŭ de bonvolemaj partoprenantoj. - Vesperaranĝoj: prelegoj, dansoj, amuzsesioj plezurigos vin de 20:30. En 2020, partoprenos Katalin Kováts, nia honora gasto! Bonvenon al ĉiuj, ni plezure atendas vin! Organizas: Esperanta Asocio de Pluezec. - retadreso: pluezek@armor-esperanto.fr

17 - 23. aŭgusto

Kaoso-Navigantoj - en Halbe ĉe Berlino, Germanio. Kaoso-Navigantoj estas novspeca trejnado por gvidantoj kaj gvidontoj de la Esperanto-movado. Ni esploros la rapidajn ŝanĝojn en la mondo rilate al teknologio, socio, ekonomio kaj homaj deziroj. Ni serĉos lokon por



Esperanto kaj la Esperanto-movado en tiu mondo de la estonto. Ni invitos fakulojn kaj vizitos instituciojn kiuj helpos al ni kompreni kia estos la mondo de morgaŭ. Dum la seminario estos ekskursoj al Berlino kaj al la regiono de la soraba malpliplimulto, ni vizitos aliajn movadojn kaj organizojn kaj ni lernos pri iliaj strategioj. La formato de la estonteca agado estas libera, ĉu reta, organiza, akademia, entreprena, arta aŭ io alia. Oni ne bezonas specifajn sciojn por partopreni en la seminario. Organizas: Esperanto-Stacio. - retadreso: esperantostacio@gmail.com

17 - 27. aŭgusto

10-a Festa Semajno por infanoj kaj familioj - en Baugé-en-Anjou, Francio. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org




22 - 24. aŭgusto

Oresto Kuzma-tagoj, OKT - en Mukaĉevo, Ukrainio. Ni elkore invitas vin partopreni la ĉi-jaran esperantistan renkontiĝon, kiu okazos en la fino de aŭgusto en Ukrainio kaj Hungario: Mukaĉevo (dum sabato kaj lundo) kaj Debrecen (dimanĉe). Organizas: Andreo Jankovskij. - retadreso: andreoespero@gmail.com, tel: +38 (067) 994 70 03

23 - 29. aŭgusto

Esperantista restado 2020 - en Métabief, Francio. Restado kun aŭ sen kursoj de Esperanto Loka Métabief situas en franca Juraso, svisa limo. Se vi elektos kursojn, ni proponos 3 aŭ 4 nivelojn. Krome, vi povos viziti la regionon, promeni... Okazos ankaŭ koncertoj, prelegoj, ludoj... Organizas: Anne-Marie Ferrier, 20 rue de la Chesnaie 71530 Fragnes La Loyere, Francio por la klubo "Esperanto en Chalonnais" Francio. - retadreso: annemarieferrier@orange.fr

28 - 31. aŭgusto

~~5-a ABELO - Apud Berlina Esperanta LudadO~~ - **Ne okazas!** - en Berlin, Germanio. Semajnfina renkontiĝo apud Berlino por ludemuloj. Kune memzorga kun ludado ene kaj ekstere, promenado, naĝado, kafoklaĉado,

muzikumado, manlaboro, loĝado en simpla naturamika domo. Organizas: Jessica Grasso. - retadreso: abeloabeloabelo@gmail.com

28 - 31. aŭgusto

Mini-poliglota kunveno - en Kraainem, Belgio. Betka Dorrerova invitas poliglotojn ĉe si hejme en Kraainem, apud Bruselo. Amikeca kunveno por 60 poliglotoj maksimume. Ne okazos prelegoj, sed nur malgrandaj laborgrupoj, volontuloj kun ideoj bonvenas! Tempo por esti kune, dividi manĝaĵojn, viziti Bruselon, bonvenas helpo kaj manĝaĵoj de bruselaj poliglotoj! Esperantisto Yves Nevelsteen ĉeestos kaj klarigos la bazon de Esperanto al interesitoj. Vegetara/ vegana! Organizas: Betka Dorrerova. - retadreso: lissiedoe@yahoo.de



---




10 - 13. septembro

8-a Esperanto sur la strando - en Sopot, Pollando. Ćiujara 3 taga aranĝo ĉe la Balta Maro. turisma kaj distra. Ĉefa prelego pri ĉebaltaj paganoj tuj antaŭ malfrua kristanigo. Organizas: Triurba Esperantista Asocio TORENTO, 81-82 Sopot, str. Armii Krajowej 94, Pollando - retadreso: torentosopot@wp.pl

11 - 13. septembro

Esperantaj Tagoj de Krakovo - en Krakovo, Pollando. La tradicia aranĝo de esperantistaro kun abunda prelega kaj arta programoj, kiu okazas en la iama reĝa ĉefurbo de Pollando. Organizas: Krakova Societo ESPERANTO, ul.Sokolska 13, Krakovo, Pollando. - retadreso: kse.krakovo@gmail.com

12. septembro

FESTO 2020 ĉe IEI okaze de la 90-jara jubileo - rete. Okaze de la naskiĝdatreveno de Andreo Cseh kaj la 90-jara jubileo de la Internacia Esperanto-Instituto ekde la biblioteko de IEI ni okazigos retan renkontiĝon

kun la tutmonda esperantistaro. Vi ĉiuj estas elkore bonvenaj. Organizas: Internacia Esperanto-Instituto. - retadreso: iesperanto@versatel.nl




16 - 17. septembro

LingvaFEST' - en Nitra, Slovakio. Lingva festivalo: spaco por ĉio pri lingvoj. La kerno de la programo: duonhoraj fulmokursoj pri diversaj lingvoj. Bunta programo. Organizas: Edukácia@Internet. - retadreso: info@lingvafest.sk, tel: +421 902 203 369

17 - 20. septembro




2-a Eŭropa Civitana Renkonto - **Prokrastita al 2021** - en Kaselo, Germanio. Laborateliero "Esperanto kaj Eŭropo" kadre de "Kleriĝo kaj Lingvoj". Estos ateliero pri Esperanto, ties aktualaj perspektivoj, la lingvopolitiko de la EU kaj ekspreslingvokurso. La hejmpaĝoj pli kaj pli ĝisdatigos/plidetaligos la programon. Por eksterlandanoj estos subvencioj por la vojaĝo. Organizas: A group of dedicated European volunteers from Kassel and the region. - retadreso: office@kassel-ebb.eu

17 - 20. septembro

Beneluksa Kongreso 2020 - en Charleroi, Belgio. La Beneluksa Kongreso okazos ĉi-jare en Charleroi. Loko: Junulargastejo de Charleroi, je promena distanco de la stacidomo. Organizas: Association pour l'Espéranto (APE). - retadreso: yves.nevelsteen@gmail.com












17 - 20. septembro

50-a lingva seminario - en Malá Skála, Ĉehio. 50-a seminario unua foje ne okazos en Skokovy, kiel antaŭe. Tradicia aranĝo. Paroliga kurso. Organizas: Lenka Angelová, Na Okrouhlíku 953/21, 53003 Pardubice, Ĉehio. - retadreso: l.angelova@seznam.cz

19 - 20 septembro

Ĵurnalista Esperantista Seminario de TEĴA - en Litovio. Informas: Vytautas Šilas, vilnastelo@yahoo.lt, tel: + 8-611-75500,

20 - 22. septembro

107a Esperanto-Kongreso de Japanio - en Nagojo, Japanio. La kongresa temo estas &qout;Sonoru Amo kaj Saĝo&qout;. Amo rilatas al nia kara ideo de Esperanto, kaj Saĝo signifas intelekton de esperantistoj. Cetere Amo estas japane Ai kaj Saĝo Chi, kune formante la nomon de la gubernio. Organizas: Japana Esperanto-Instituto (JEI), JP-162-0042 Tokyo-To Shinjuku-Ku Waseda-Machi 12-3, Japanio. - retadreso: jek2020@jei.or.jp




fonto: http://www.eventoj.hu